




4/2001
Junio/Julio
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# Hamburg: Esperanto chiuloke

Europa Semajno sur la urbodoma placo de Hamburg (fotoj: sekvos)

| Sentenco | Editorajhoj |
|---|---|
| Mia, Min kaj Mi -<br>En la mondo regas tri.<br><br>el suda Germanio | Redaktofino de Hamburg Esperanto<br>n-ro 5/01: 15-07-2001<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidanto: *Jürgen Wulff*<br>http://www.juergenwulff.de<br><br>Redaktoro: *Benno Klehr*<br><br>Retposhto: Hamburg@Esperanto.de<br>(alvenas che *Frank Merla*) |
| La HES klubejo estas malfermita Jhaude ek de 19:30 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:30 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr | **- Esperanto-Eisenbahner -**<br><br>Fervojistoj renkontighas en la stacio Altona, antau la biletvendejo Sabate je la 10.00 h:<br><br>Pri la detaloj informas Klaus Böhnke |
| **Somero**<br>Somero jam alvenis lau la temperaturoj, kaj Jutta preparis nian terason de la klubejo kaj kune kun Lars la ghardenon por someraj kunvenoj. Ankau Heinrich, kiun ni nun malofte vidas dum klubvesperoj, de nove okupighas pri la ghardeno.<br>Kvankam dum la someraj monatoj ne okazas programo dum klubvesperoj, la kluba | |

| |
|---|
| vivo ne haltas. Ofte neatendite venas gastoj, kiuj scias ke Jhaude estas klubvespero.<br><br>Benno Klehr |

**Nia programo**

| Junio 2001 | Julio 2001 |
|---|---|
| **7** Sen speciala programo<br><br>**14** *Hella Lanka:*<br>Germana Esperanto Kongreso 2001<br><br>**21** Sen speciala programo<br><br>**28** *Sylwia Pöhlmann:*<br>Brazila enigmo | **5** *Dr. Vesna Stanicic-Burchards:*<br>Historio de Kroatio<br><br>**12** Sen speciala programo<br><br>**19** Somera Festo en la ghardeno<br>Komenco 19 h<br><br>**26** Sen speciala programo<br><br>Dum la somera feria tempo ne okazas klubaj prelegoj. Gastoj estas bonvenaj kaj havas eblecon raporti. |

## Nova kurso dum Sabatoj

Post la Europa Semajno, en kiu ni partoprenis kun imformstando sur la urbodoma placo dum du semajnfinoj, okazis provlecionoj en la kluba domo la 12an de Majo. Kvankam ne estis multaj partoprenantoj, montrighis, ke kvar personoj forte interesighis pri kurso. Vesna proponis okazigi kurson dum Jhaudaj vesperoj, sed la kursanoj preferis semajnfinojn. La cheestantoj interkonsentis pri tri Sabatoj po 3 1/2 horoj. Vesna pro profesiaj kauzoj nur povas instrui dum unu el la tri Sabatoj, la aliajn du Sabatojn transpreni, sin deklaris preta Benno. La kotizon de 98 markoj/49 por junuloj, kiun kritikis multaj klubanoj, la kursanoj nomis "kvazau donaco".
La unua Sabato intertempe pasis kaj la entuziasmo de la gelernantoj restis ghis la lastaj minutoj de la posttagmezo.

---

## Prelego en Universitato

Merkredon, la 2an de Majo okazis prelego de Gerhard Hein pri la shancoj de Esperanto en lernejoj de Hamburg. Poste raportis Klaus Friese pri sia Esperanto-projekto en Wentorf.
Bedaurinde dum tiu tempo (16 h) venis malpli ol dudek auskultantoj.

---

## Prezentado en Muzeo

Dimanchon, la 6an de Majo okazis en Etnologia Muzeo prezentado de Esperanto por gejunuloj.
Jürgen Wulff en konate vigla maniero prezentis informojn pri la Internacia Lingvo kaj montris, kiel speciale gejunuloj povas utiligi la internaciajn kontaktojn.

---

**Chefepiskopo gratulas al Hamburgaj Esperantistoj**

György Jajubinyi, chefepiskopo de Alba Iulia (Rumanio) en letero al Hannelore Brunow gratulas al la Hamburgaj Esperantistoj, kiuj dum la Europa Semajno, la 8an de Majo okazigis ekumenan diservon en preghejo "Malgranda Michel", kaj deziras "Dian benon" por ekumenaj klopodoj.
Organizantoj estis Delia Pick kaj Gerhard Hein kadre de "Stiftung Europaverständigung". Cheestis ch. 40 personoj.
La diservon celebris Frato dr-o Willibald Kuhnigk akompanita de la orgenistino de Monahhejo Nütschau.

**Nekrologoj**

Dum la pasintaj semajnoj forpasis du membroj de H.E.S:

| | |
|---|---|
| Gertrud Lüdde<br>en agho de 95 jaroj<br>en Großhansdorf | Bruno Lehmann<br>en agho de 81 jaroj<br>en Buchholz |

Ambau estis membroj dum multaj jaroj
kaj kontribuis lau siaj eblecoj al la kluba vivo.
Ni ne forgesu ilin.

Re al Esperanto en Hamburg